# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby

PLENUMITA 29/08/2019 Kvarcentkvardekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)



**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 838,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo

Nun studas **306,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **289,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **243,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.83




En eŭropaj lingvoj oni parolas pri Rekta kaj Nerekta Objektoj, kiuj kutime havas proprajn markilojn. Ĉar en Esperanto la Nerekta Objekto traktatas sammaniere kiel Adjekto, mi klasigas ĝin kiel (al-)adjekton, kaj ne plu uzas la terminon "nerekta objekto". Mi neke subdividas la adjektojn, sed nur indikas ilin per iliaj prepozicioj (ekz. "pri-adjekto"). Konsekvence mi nomas la Rektan Objekton nur la (gramatika) "Objekto". Ĝi ja havas la specialajn ecojn ke ĝi ricevas la akuzativan finaĵon kaj ke (nur) ĝi povas transformiĝi al (Gramatika) Subjekto en la Pasiva Voĉo, same kiel en hindeŭropaj lingvoj (en la angla eĉ la nerekta objekto povas, sed nur ŝajne). P.A.G. daŭrigas uzi la eŭropan terminaron, kaj eĉ uzas plurajn paĝojn ($176) por priskribi ĝin, nenecese ĉar oni simple kaj devige uzas nur la prepozicion "al", kiel en multaj eŭropaj lingvoj. Cetere P.A.G. nomas ĉiujn Adjektojn KAJ Adjektoj KAJ Objektoj.

*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Pri eraroj en Mittenwald en Bavario en AE440

Bonan tagon al vi Roger!

Unue mi devas diri ke mi multe admiras vian penon, kiun vi faras por eldoni la "Aŭstraliajn Esperantistojn" ĉiu-semajne. Mi kore gratulas vin!

Peter Danzer sendis al vi artikoleton skribitan de mi kiun vi enmetis en la antaŭan "Aŭstralian Esperantiston" sed ekaperis malfeliĉa eraro en ĝin. Mi skribis "junuliĉoj" per signifi "youth", "young lads" kontraste al "junulinoj". Mi ne skribis "knaboj" ĉar tio signifas "virseksa infano" kiu, laŭ mia Plena Vortaro, estas "ĝis la 12a jaro proksimume". Nu mi kutime ne uzas la sufikson "-iĉ" sed ĉi okaze mi sentis devigita uzi ĝin pro la tialo, kiun mi ĵus klarigis. Mi ankaŭ enmetis "(aŭ se vi preferas, "virjunuloj")" por klarigi la aferon se iu ne konis la neoficialan sufikson "-iĉ"

La problemo envenis pere de la ŝanĝiĝo de "junuliĉoj" ("young lads") al "junulaĉoj" ("buboj" aŭ en la angla "brats"). Mi tute ne povus scii, ĉu ili estas junulaĉoj! Mi ne konas ilin, sed ili ŝajnis esti sufiĉe agrablaj!



Mi ankaŭ rimarkis ke estas tajp-eraro ĉe la fino – mankas "n" - mia kulpo :-(

Mi sendas al vi la plej bonajn dezirojn – kaj daŭrigu vian bonegan laboron pri la "Aŭstraliaj Esperantistoj" *Doug Eising*



## PROVLEGADO

Karaj legantoj kiam la novaĵletero komencis (2011) mi ne provlegis la artikolojn kiujn oni sendis al mi, ĉar mi kredis ke la skibantoj scias la subtilajn signifojn kiujn ili deziras transdoni. Bedaŭrinde Esperanto ne estas denaska lingvo kaj multaj eraroj kaj miskomprenoj aperis. Do post kelkaj plendoj de kelkaj legantoj, mi ekprovlegadis la novaĵleterojn.

La problemo estas manko da tempo. Ne estas tempo por demandi al skribantoj pri la ŝanĝoj proponitaj de la provleganto. Ankaŭ la provleganto estas homo ne dio. Tre malofte oni plendas pri la provlego. Mi pardonpetas al Doug kaj korektis la retkopion de AE440 .



Marcel petis ke liaj artikoloj ne estu provlegataj kaj plej parte ili ne estas. Se iuj deziras ke siaj artikoloj ne estu provlegataj metu noton en vian retmeŝagon kaj ĝi ne estos provlegata. Amike *Roger*





*(Marcel naskiĝis 4-an de Decembro 1917)*

# La produktoj de mia ĝardeno.

**NI ĈIUJ ESTAS HISTORIAJ PRODUKTOJ** (produktoj de nia historio) .

Ni opinias, ke ni pensadas libere, sen influado de eĉ la homoj kun kiuj ni malsamopinias. Sed la enhavo de nia menso estas tre mallibera, ĉar ĝin plenigis kaj formis la historio ne nur de nia epoko, sed la historio de la tuta homaro. Ni kredas nin sendependaj pensuloj, sed ĉiuj niaj ideoj formatis kaj formatas de la historio de la homaro. Kaj ni ne konscias, ke la aliaj homoj estas en sia pensado same katenitaj

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

de la historio kiel ni estas. Ne konscii pri tio ne gravus, se ni ne devus daŭre juĝi niajn agojn kaj la agojn de la aliaj personoj.

Estas vera, ke ni de tempo al tempo decidas, ke ies ajn ago aŭ opinio iomete kaŭzatas de ties edukado kaj de ties ĉirkaŭuloj, sed ni malofte ekzamenas la motivojn de niaj propraj pensoj, kaj do ankaŭ agoj, nunaj. Tio faras nin unuflankecaj, kaj malreale nepravaj. Kaj ni samtempe malpli ĝuste komprenas la pensojn kaj la agojn de la aliaj homoj. Tio kreas nenecesajn miskomprenojn kaj malamikecojn, kiuj ja tendencas kaŭzi foruzadon de nia tero, de nia planedo. Ekzemple mi pensas ke mi estas ateisto, sed mi plu kredas aŭ praktikas pensojn, kutimojn, kaj la kulturon de la kristana religio. Escepte de la kredo en Dion, mi estas kristano. Kaj la lingvo kiun mi uzadas estas kristana, trempita en la kulturo de la kristanismo. Tio en si mem ne gravus, se mi nur daŭre konscius pri tio. Kaj se mi de tempo al tempo ekzamenus, kio en mia kultura kaj ĉiutaga historio igas min pensi kaj agi tiel kiel mi faras en miaj rilatoj kun aliuloj.

Tial mi opinias, ke lernejaj instruistoj de ĉiuj lernejaĝoj regule devas instrui al la infanoj ke ili kutimu pensi, por kompreni siajn agojn, pri la historiaj kaŭzoj de siaj pensoj kaj agoj. Kaj verku eseojn pri tio. Se infanoj lernas, regule serĉi en la historio la tialojn de siaj kaj de aliies opinioj kaj agoj, la homaro kutimiĝas esti malpli antaŭjuĝema. Militoj, ankaŭ la religiaj, okazadas parte pro miskomprenoj, kies tialoj ofte estas manko de konscio pri la historiaj faktoj.

Tiaj utilaj retrorigardadoj okazu grand- kaj longskale en nia historio, sed samtempe utilas malgrandskalaj retrorigardoj, ekzemple kial ni rifuzas akcepti proponojn por uzi perfektan Esperanton, aŭ kial ni trovas lingvoperfektecon necesa, kaj ĉu utilas labori por tio. .

*Marcel Leereveld*.

**SARKINDAĴO ESTAS SARKINDA TERENO .** (vidu la eraron de P.I.V.)

Kvankam la vintraj temperaturoj en Melburno estas sufiĉe altaj, ja super dek gradoj, ni ricevas sufiĉe da pluvo. Sed tiu regula pluvado dum la lastaj kelkaj monatoj ankoraŭ ne sufiĉas por doni sufiĉe da akvo al la eŭkaliptoj, kiuj plu suferos sekecon se ne venos monatoj kun multe da pluvo. Tial mi tre esperas ke venos pluvaj tagoj, sed ĉi lastaj ankaŭ kreskigegas la misherbojn, do mi tre esperas ke venos senpluvaj tagoj, por ke mi povu sarki en la ĝardeno, ankaŭ por nesentadi la zonerupcian malsanon, post tri monatoj plu turmentantan min. *Marcel Leereveld*.

**SAVI VIVOJN .**

Retrorigardante, kial ni rajtas postuli ke edzo aŭ edzino restu fidela en la geedziĝo, ni trovas ke forta kaŭzo estas nia religio. Se ni elpaŝas momenton el tiu religio, ni konstatas ke alia eblo estas akcepti ke dumviva geedzeco estu nur unu el la eblaj geedzecoj. Kulturi mensostaton kiu akceptas ĉies rajton facile rompi geedzecon rezultos en ŝanĝon de nia kulturo kaj de niaj ideoj tiel ke ni ne plu pensu ke ĉiama fideleco necesas. Se do nia mensostato en tiu afero pli liberos, nia mensostato ne plu povos postuli ke la sekspartnero estu ĉiama. Nia mensostato do helpos nin ne plu puni malfidelulon, kaj ekzistos jam antaŭa konscio ke tio povos iam okazi, Se tio okazas, estas malpli da tialo por puni la partneron per mortigo de la gefiloj aŭ de la patrino. Onia mensostato ja jam longe, el post juneco, akceptos rompiĝojn kaj samtempe akceptos mankon de tialo por puno ĉe tia rompiĝo. Ni do vidos malpli da kazoj

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

kie patro ĵetas sian filinon el sur ponto en riveron, kaj similajn kruelaĵojn. Sed por tio la kulturo devos ŝanĝiĝi, kaj nia socio devos ŝanĝi la dumvivan geedziĝon al kvinjara geedziĝo, renovebla. *Marcel Leereveld.*



# Geedziĝo estas ekonomia kontrakto.

Vidu AE 424



La elspezoj de geedza paro ne egalas la elspezojn de du apartaj homoj. Do ili povus per la diferenco aĉeti domon en kiu ili kune vivas.
Kutime la domo estas la plej granda parto de ilia riĉaĵo kaj estas malfacile dividi en du uzeblajn partojn.

**La malamo ne preventas ke la geedza paro vivu aparte, nur la ekonomia stituacio.**

*Roger Springer*



# Bukedo por Jacinda



En nia lando, kiel sendube en aliaj, ni suferas *shock-jocks.* La vorto signifas radiodissendistojn kiuj kaj distras kaj allogas aŭskultantojn per aŭ humura aŭ ne, melodrameca troigo, kies celo estas provoki kaj ofendi.

Unu el la plej alte salajritaj laŭtbuŝaĉuloj tiaj, diris post kiam la Ĉefministro de NovZelando, Jacinda Ardern, milde riproĉis la aŭstralian Ĉefministron pro lia malpli ol fervora respondo al la katastrofa problemo de klimato-ŝanĝo, ĉe la kunesto de regionaj ĉefoj de la Pacifiko pasintan semajnon: *Oni devus ŝovi ŝtrumpeton en ŝian gorĝon .* (En 2012 la sama viro opiniis, ke la tiama Ĉefministro, Julia Gillard, devus esti metita en grajnoŝelan sakon kaj forŝutita en la maron...)

Miaopinie, Jacinda Adern jam belege elmontris gvidkapablon, inteligentecon, empation, sinceran dialogon, honestecon, kompaton, kaj unuigan kunlaboron por atingi demokratajn rezultojn. Ŝi estas inspirinstiga modelo. Ŝi aŭskultas kaj komunikas klare kaj kompatoplene kun la diversaj komunumoj, kondamnante terorismon negrave de kie ĝi venas, alfrontante la novaĵkomunikilojn kaj iliajn partojn en la dissemantado de ofenda kaj danĝera enhavo, sed sen la kutima dividema retoriko; tiel ŝi respondis, senprokraste kaj senhezite post la masakro en Christchurch. Ŝi rifuzis dignigi la teroriston per eĉ eldiro de lia nomo.



Ĉiun honoron al Jacinda. Kaj al la aĉulo kies nomon ankaŭ mi ne menciu? En la rubujon kun li, kiel eble plej rapide. *Vera Payne*



# Kialo kaj tialo

Antaŭ kelkaj semajnoj, en AE 426, Marcel invitis "Esperantologojn" komenti pri liaj nekutimaj ideoj pri gramatiko. Neniu respondis. Liaj ideoj estas diskutindaj, do mi elektis unu temon el ili. Mi esploris pri la vortoj *kialo* kaj *tialo* kaj prezentas la trovitaĵojn ĉi tie kun miaj komentoj.

## Difinoj

## PV 1934 kaj 1971

**Kial. 1** Demanda adverbo signifanta "pro kia kaŭzo?": *kial vi ne respondis al mi?* **2** Demanda

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

dependiga konjunkcio, kun sama signifo: *li diris al mi, kial li tiam ne volis respondi; la kaŭzo, kial mi faris tion, estas...* **3** Vortero signifanta kaŭzon, motivon: *ĉiu tial havas sian kial [Z]; jen la kialo de tiu decido; en ĉi tiu kialo kuŝas ĉiuj aliaj; doni al iu evitkialojn.* **Kialigi.** Komprenigi ion montrante ĝiajn kialojn.

**Tial.** Adverbo signifanta "pro tiu kaŭzo, motivo": *hodiaŭ estas bela frosta vetero, tial mi prenis miajn glitilojn [Z]; la homoj ne komprenas unu la alian kaj tial ili tenas sin fremde unu kontraŭ la alia [Z]; ĉar ni decidis kunvenadi ĉiujare, tial ni devas klarigi al ni, por kio ni kunvenas [Z]; ĉar vi forĵetis ĉiujn miajn konsilojn, tial mi ridos ĉe via malfeliĉo [Z]; ĉar simila konstruo de lingvo estas tute fremda por la Eŭropaj popoloj, tial mi tute alkonformigis tiun ĉi dismembriĝon de la lingvo al la spirito de la lingvoj eŭropaj [Z];...* **Tialo** = kialo

## Butler 1967

**KIAL** (*Pro kio, kiukaŭze, kiumotive*), (adv) Why, wherefore, on what grounds, for what reason. (*Diru al mi,*) *Kial vi ploras?* What are you crying for? Why are you crying? *Mi ne scias kial*, I don't know why. *Kial ne?* Why not? *Jen kial,* That is why. *Ĉiu tial havas sian kial. Kial ajn vi venis,* Why ever did you come? **kialo**, ground, reason. **Estkialo**, *raison d'être*.

**TIAL** (*tiukaŭze, pro tio*, strong form of *do*), accordingly, for that reason, therefore, that is why. *Li ne volas lerni, kaj tial mi batas lin,* **tial ke**, because, for the reason that (strong form of *ĉar***).** *La bebo ploris nur tial ke, ĝi malsatis*. **tialo** (kialo). Cp *sekve*.

**SEKVI** ... **sekve,** accordingly, consequently, therefore. *Sekve mi ne venos*.

## PIV 1970 kaj 2002 kaj vortaro.net

***kial*, *tial*** simile al en PV, sed sen la ekvacio *tialo* = *kialo*.
***tiala***. Rilata al la dirita kaŭzo: *oni devas decidi pri la celoj de la du kunsidserioj, por eviti la duoblan laboron kaj la tialan perdon de tempo.*

## PMEG

*/Kialo/* = “kaŭzo, motivo”: /Mi ne komprenas la ***kialon*** de tio./
La vorto */kialo/* ne estas bazita sur demanda */kial/*, sed sur la ***rilata*** uzo de */kial/*
*/la kaŭzo, kial mi agis tiel/* → */la kialo de mia agado/*.

Noto: Iuj opinias, ke */kialo/* estas mallogika vorto, ĉar ne temas pri demando. Ili ne komprenis, ke */kialo/* estas bazita sur la rilata signifo de */kial/*. Anstataŭe iuj el ili uzas /***tialo***/. Sed */kialo/* vere estas tute logika vorto. Oni povas simile formi ekz.
*/kieo/* (la loko, kie io estas), */kielo/* (la maniero, kiel oni ion faras) k.s.

## La uzado

CorpusEye trovis 13 ekzemplojn de *tialo* en TTT-2009 (4064 de *kialo*) kaj 2 ekzemplojn de *tialo* en esperanta literaturo (385 de *kialo*) sed neniujn en zamenhofaj klasikaĵoj. Estas malfacile, ĉe iuj ekzemploj de *tialo*, decidi ĉu la skribinto intencis kaŭzon aŭ sekvon, sed verŝajne, plej ofte, kaŭzon.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Evidente, plejmultaj esperantistoj daŭre uzas *kialon* en la senco de kaŭzo, motivo, ne *tialon*. La uzado de *tialo* estas rara. Eblaj kialoj:

- *tialo* ne estas oficiala vorto
- aliaj taŭgaj vortoj ekzistas, similaj al nacilingvaj ekvivalentoj: *rezulto, sekvo, konsekvenco*
- multaj esperantistoj estas konfuzitaj per la stranga ekvacio *tialo = kialo*.

Mi serĉis en bitlibroj de konataj aŭtoroj. En la traduko *La Mirinda Sorĉisto de Oz*, Donald Broadribb dufoje uzis la vorton *kialo* en la senco de kaŭzo, motivo. En *La Diplomato kiu Ridis*, Ralph Harry samsence uzis la vorton *kialo* trifoje. En *Dankon, Amiko*, Claude Piron samsence uzis la vorton *kialo* dufoje. Neniu el ili uzis la vorton *tialo* en tiuj verkoj.

Mi trovis tri ekzemplojn de *tiala*, ĉiuj en Vikipedio. Du estas fuŝaj. La ekzemplo en la paĝo pri Astronomio estas taŭga:

*Planedoscienco ankaŭ okupiĝas pri geologiaj fenomenoj kiuj okazas ĉe la nuntempaj planedoj, kiel ekzemple vulkanoj, tertremoj, tektoniko, vetero (okaze de planedoj kun sufiĉe dika atmosfero) kaj tiala erodo.*

## Komentoj

La difinoj en PV por *kial* kaj *tial* estas sufiĉe klaraj sed la ekvacio *tialo = kialo* estas nelogika ĉar *tial* ne egalas al *kial*. Butler ripetis la ekvacion, sen pravigi ĝin. PIV forigis ĝin.

Wells (2010) subtenas la uzadon de *kialo* por la kaŭzo, motivo. La komentoj en PMEG subtenas la uzadon de *kialo* por kaŭzo, motivo, sed ne mencias taŭgan rolon por la vorto *tialo*.

La difino de *tiala* en PV kaj PIV (Rilata al la dirita kaŭzo) estas nesufiĉe preciza, ĉar *tiala* rilatas al la rezulto de la dirita kaŭzo, ne al la kaŭzo mem. La tiea ekzemplo, kiu finiĝas per *...la tialan perdon de tempo* povas anstataŭe esti *...la rezultan/konsekvencan perdon de tempo.*

El la vorto *tiala*, ni povas derivi la vorton *tialo*. *Tialo* devas havi la signifon: sekvo, konsekvenco, rezulto, de la rilata kaŭzo. *Kialo* signifas kaŭzo, motivo. La du signifoj estas malsamaj, do *tialo* ne povas egali al *kialo*.

Ĉar mankas ekzemploj de la uzado de *tialo* kun la senco rezulto, mi elpensis la jenajn:

*Li havas kapdoloron. Li ne scias kial li havas kapdoloron. La kialo estas mistero. La tialo estas ke li ne iros al la kunveno.*

*La ilo iĝis tro varma. Tial ĝi eksplodis. La kialo estis ke ĝi estis tro varma. La tialo estis, ke ĝi krevis.*

## Konkludo

*Kialo* estas logika vorto por kaŭzo, motivo. *Tialo* ne havas tiun signifon.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Mi opinias, ke *tialo* estas uzebla kun la signifo sekvo, rezulto, de la rilata kaŭzo. Ĝis nun, preskaŭ neniu uzis ĝin tiel. Tamen tiu estas ĝia logika signifo.

Marcel rekomendas uzi la vorton *tialo* por la signifo kaŭzo, motivo, anstataŭ la vorto *kialo*. Tiu ideo ne estas logike pravigebla.

## Referencoj


Butler, Montagu C., Esperanto-English Dictionary, BEA, London, 1967.

CorpusEye ĉe https://corp.hum.sdu.dk/cqp.eo.html

PIV, Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto, Paris, Sennacieca Asocio Tutmonda, 1970.

PMEG, Bertilo Wennergren ĉe https://bertilow.com/pmeg/gramatiko/e-vortecaj_vortetoj/ceteraj/tabelvortoj_al.html

PV, Plena Vortaro de Esperanto kun Suplemento, E. Grosjean-Maupin, k.a., Paris, Sennacieca Asocio Tutmonda, 1971.

Vikipedio ĉe https://eo.wikipedia.org/wiki/Astronomio

Wells, John C., English Esperanto English Dictionary, Mondial, 2010.




*Donald Rogers* 20-08-2019



# LA UNUAN FOJON UNESKO UZOS ESPERANTON EN FESTIVALO

La 19an de septembro 2020 (post unu jaro) Unesko okazigos festivalon por la paco en Tolosa (Hispanio). La laborlingvoj de tiu ĉi festivalo estos la franca, la angla, la hispana kaj Esperanto. La festivalo konsistos grandparte el filmetoj de kiel eble plej da korusoj tra la mondo kantantaj por la paco en plej diversaj lingvoj, sed la tekstoj de la kantoj devos esti tradukitaj al unu el la kvar laborlingvoj: franca, angla, hispana aŭ Esperanto.

UEA rigardas la festivalon kiel gravan ŝancon por kontribui en la realigo de la celoj de UN, kaj por vidigi al la publiko la valoron de la internacia lingvo Esperanto. Ju pli da korusoj estos rekomenditaj de esperantistoj, des pli videblos al la publiko utileco de Esperanto kaj vasteco de la naciecoj de la esperantistoj. UEA alvokas, ke landaj asocioj, lokaj grupoj kaj aktivuloj rekomendu korusojn, esperante ke ĉiu lando rekomendos almenaŭ unu koruson.

Se vi konas koruson, kiu povus realigi tian 3-minutan filmeton de kanto por la paco, en iu ajn lingvo (kun traduko de la teksto al Esperanto) aŭ rekte en Esperanto, kontaktu François Lo Jacomo <francois@lojacomo.eu>, reprezentanto de UEA ĉe Unesko, kaj Trezoro Huang Yinbao <trezoro@qq.com>, vicprezidanto de UEA, respondeca pri la rilatoj kun Unesko.



Informis *Kataj Steele*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***